# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 06/09/2014 Cent okdek unua eldono 06/09/2014** SENDITA (unua eldono 30/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

# ESPERANTO POCKET TEXTBOOK surrete




Individuoj povas mem kopii la ESPERANTO POCKET TEXTBOOK per komputiloj ĉe http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

Ĝi ankaŭ havas facilajn instrukciojn por unuope presi, kunmeti la libreton .

Kunmetu ĝin kaj poste vi povos mem juĝi la libreton

Informu la novaĵleteron pri via sukceso, kaj opinioj pri la libreto.

Mi ĉiam portas la libreton en mia poŝo. Ĉiusemajne fordonas almenaŭ 1-3 libretojn kun malgranda informparolado.

Se ĉiuj AE legantoj farus same pli ol 1000 homoj estus informataj semajne.

**Profesie presitaj libretoj estas haveblaj ĉe Esperanto-Domo.**

**Portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo. Fordonu libere.**

**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**

★Ne estas la sola metodo propogandi. Do proponu aliajn metodojn propagandi. Mi metos viajn proponojn en la novaĵleteron, por gajni subtenon kaj aktivigi la legantojn. Ni estas tro malmultaj por ne kune agi.



# La Ŝlosilo por Dulingvismo:

**Poŝa Lernolibro de Esperanto por parolantoj de la angla**

32-paĝa libreto (6.5cm x 9.5cm), kiu enkondukas Esperanton kaj donas bazan instruadon pri la lingvo. Kreita de Roger Springer

**Enhavo:**

- Formado de vortoj
- La elementoj de Esperanto
- La personaj pronomoj
- Nombroj
- Verboj
- Prefiksoj
- Sufiksoj

La sekreto ne plu estas sekreto







Krome:

- 'Esperanto unuavide'
- Tabelo de korelativaj vortoj (ekz-e kio, tiam, iu, nenie, …)
- Bildo de korpopartoj kun esperantaj etikedoj
- Retaj informoj senpagaj
  http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Elŝutu** PDF, 5.5 MB     Elŝutu, Presu per Persona Komputilo la rete haveblan libreton. Miru!

Montru vian 'Esperanto Pocket Textbook' al viaj amikoj ĉe viaj Esperanto-kunvenoj, ktp.

(PDF de la libreto por profesia presado estas senpage havebla ĉe rogerspringer@tpg.com.au.)

**Helpu viajn nekomputillertajn amikojn krei la Poŝ-Libreton.**
**★Komentu ĉe la Novaĵletero pri viaj opinioj, sukcesa preso kaj via uzo de la libreto. Uzata ĝi havas grandan potencon.**

## Mallonga historio de la 'ESPERANTO POCKET TEXTBOOK'

En 2011 EFNSK estis parto de la 'Travel Expo' en Sidnejo.
Nicole kaj mi propagandis Esperanton dum du tagoj ĉe nia luita budo.
Tie mi rapide eksciis ke necesas pli bona propaganda materialo ol ni uzis por diskonigi la mesaĝon.
Do naskiĝis la ideo de malgranda poŝ-libreto por fordoni al la multaj pasantaj vizitantoj ĉe la ekspozicio.
Per tio oni havos informon pri Esperanto mem kaj la genia Esperanto-vortkonstruo.
Do mi laboras preparante tion dum 2012, 2013 kaj 2014 ĝis la fina versio estis preta.
Mi havis kelkajn helpantojn kiuj faris necesajn taskojn por ebligi sukceson.
Margaret Chaldecott tajpis la unuan provon por ke mi povu labori per komputilo. Mi ne tajpas bone.
Vera Payne provlegis ĉiujn de la pli ol 30 provoj kun sugestoj kiuj naskis novajn provojn
Kelkaj aliuloj donis unu aŭ du sugestojn, kelkaj el ili bonaj, kelkaj ne bonaj, sed ĉiuj bonvenaj..

Jim Radford pretigis kaj presis la provajn nekolorajn ekzemplerojn. Kvarmil de ili. Tio postulis multajn laborhorojn por li.
Kompreneble mi, Roger Springer, laboris preskaŭ ĉiun tagon por antaŭenigi la projekton.
La Sidneja Lingva Festivalo bezonis pliajn libretojn. Do mi laboris por pretigi pli allogan koloran libreton. Dum tiu tempo Jim vojaĝis kaj ne esti kontaktebla. Mi iris al mia presista filo por konsilo. Li konsilis ke ĝi devus esti profesie kunmetita. Do ni aranĝis ke profesia kunmetantino plibonigu la formon kaj kiam necese la literojn. Mi donis al ŝi mian "word" dokumenton de la libreto .
Dumil de la koloraj libretoj presis kompanio, kiu kutime presas reklamajn libretojn por la hejmaj leterkestoj kaj butikegoj. Ju pli oni presas des malpli la individua kosto.
Poste mi deziris meti la libreton en unu de la AEA retpaĝoj. La celo estis ke iu ajn en la mondo povu mem presi la libretojn sur hejma komputila presilo.
La profesia kunmetantino kreis pdf ekzempleron por ebligi mem presadon de la libreto. Mi provis kaj deziris kelkajn ŝanĝetojn kaj ŝi faris.
Mi kreis instrukciojn por la mem presado kaj Bob Felby poste Huigh Malcolm kaj Gerry Phelan provis la instrukciojn.
Tiam mi demandis Jonathan Cooper "Ĉu li povus fari kelkajn malgrandajn ŝanĝojn kaj poste meti la libreton ĉe la AEA retpaĝoj ?" Vidu la AEA retpaĝojn kaj miru je la bona rezulto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**NE FORGESU** La libreto unue estas propagandilo. Due ĝi estas lernlibreto. Portu ekzemplerojn en via poŝo. Fordonu ilin senhezite. Ĝi estas senkosta donaco (danke, ĝis nun, al EFNSK). Per ĝi ekkonigu Esperanton al la angleparolanta mondo. Uzu ĝin kiel helpon/fundamenton por subteni vian propagandan paroladon.
Informu la legantojn de la novaĵletero pri viaj spertoj presi, uzi, kaj opinioj kiel uzi la libreton.
Aŭ **ĉu vi havas pli bonan ideon** antaŭenigi Esperanton? INFORMU nin. Skribu al la novaĵletero.
Dankon al la Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio kaj la Manlia Esperanto Klubo por iliaj subtenoj.

**Estonta paŝo.** Ĉu iu povus fari malgrandan filmon montrante la AEA retpaĝan adreson kaj fari demonstradon de la kunmeto de la libreto? Tute ne gravus ĉu la filmo havus informon pri mi. Nur la Esperanto-movado gravas. **KAJ METI en U-TUBO**
Amike Roger Springer

# Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



La danĝera libera fluo de informoj

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

En ŝtatoj kun malforta socia ordo aŭ grandaj sociaj tensioj en la interno, diktaturaj sistemoj povas establiĝi. Tiuj sistemoj sin apogas sur iu malnova aŭ nova ideologio, ofte misuzante religiajn tradiciojn por subjugi la homojn kaj igi ilin obei la ordonojn de la superuloj de la ŝtato.

Por tion atingi ili aplikas la rimedon de politika propagando, kun la celo ke ĉiuj pensu same. Tio ofte ne nur limiĝas al politikaj sintenoj, sed ankaŭ ofte

ampleksas privatajn aferojn, nome la rilaton inter viroj kaj virinoj, ĉar ankaŭ la geedza rilato ne estu ĉelo de aŭtonomio, sed ĝi subordiĝu al la politika kaj socia linio de la regantoj. Kaj la infanoj kompreneble laŭeble frue ensuĉu la doktrinon de la regantoj, por ke ili plenkresku kiel estontaj servantoj de la reganta sistemo.

Tio okazis en la grandaj faŝismaj diktaturoj ĝis post la Dua Mondmilito, kaj tio okazis en komunismaj diktaturoj. Kaj tio nun okazas ekzemple en islamismaj diktaturoj. Ĉiujn diktaturojn kunligas granda timo: Nome ke per ekstera influo, per enfluado de informoj, la homoj en la koncernaj landoj povus infektiĝi de ideoj pri homaj rajtoj, pri memstareco kaj pri libereco kaj demokratio.

La grandaj diktaturoj de la Dua Mondmilito pro tio ankaŭ timis Esperanton, ĉar la ideo pri komuna lingvo akcelas la kunfratiĝon de homoj de lando al lando kaj tiel rompas la ordonitan malamikecan sintenon kontraŭ aliaj popoloj. Rilate al Esperanto tio nun estas historiaĵo, ĉar pro diversaj politikaj interesoj ankaŭ en demokratiaj landoj la ideo pri komuna neŭtrala lingvo trovis nur malmultajn apogantojn, kaj tiam ankoraŭ mankis la teknikaj rimedoj por kunigi la homojn reale per vojaĝoj aŭ virtuale per la komunikrimedoj.

Hodiaŭ ambaŭ teknike facile eblas kaj la fluo de homoj kaj de informoj atingis dimensiojn kiuj antaŭ kelkaj jardekoj estis ankoraŭ neimageblaj. Kaj en tio la demando pri lingvo ludas nur tre malgrandan rolon, ĉar ekzemple en la interreto eblas uzi ĉiujn lingvojn, eĉ lokajn dialektojn, kaj homoj estas tiel atingeblaj ĉie en la mondo.

Por daŭre funkciigi diktaturan sistemon hodiaŭ do necesas drastaj paŝoj por bari la fluon de informoj de ekstere. Tio povas esti rigida cenzuro de la interreto ĝis la plena malebligo aŭ malpermeso de ĝia uzado.

Sed rilate al Esperanto la nuna situacio havas la avantaĝon ke neniu plu timas ĝin, por politikistoj ĝi estas apenaŭ perceptebla libertempa okupiĝo de malmultaj homoj. Kaj tial la agado por kaj per Esperanto ĝuas liberecon. Se ni saĝe aplikas tiun liberecon ni povas antaŭenigi kaj plifortigi nian aferon. Oni ja povas peti ŝtatajn subvenciojn por plej diversaj sociaj kaj kulturaj agadoj, sed oni ne estu tiom naiva kredi ke iuj ŝtataj instancoj vere subtenas Esperanton kaj aktive akcelos ĝin.

Jam la aŭstra prezidento Franz Jonas, kiu estis esperantisto, diris en sia malferma parolado de la UK en Vieno 1970: "Ne fidu tro je la ŝtataj instancoj, apogu vin sur viaj propraj fortoj". Tio estas grava instruo, ĝi plene validas ankoraŭ hodiaŭ. Tio signifas ke ni devas plifortiĝi interne en nia lingvokomunumo, kaj la rimedo por tio estas altkvalita lingva kunlaboro. Jen kial la Esperanta Retradio persistas en sia laboro.

## 35. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Fino de la Participoj.



Kelkfoje oni renkontas la Participajn Sufiksojn memstaraj, precipe por, se necese, anstataŭi la multsignifan Prepozicion "de": "La murdo ante al la policano", kie la policano murdatis, kaj "La murdo ate de la policano", kie la policano murdis. "La forpreno ate de (= farita de) la infano" kaj "La forpreno ante al (= farita al) la infano" (kaj "La forpreno el de (= for de) la infano"). "La danĝera retroveno ate de (= farata de) la inundego" kaj "La danĝera retroveno el de (= for de) la inundego". En rakontoj kelkfoje renkontiĝas la Sufiksoj kiel Substantivoj: Duona grupo naĝas nun kaj alia duono poste, ĉar la antoj manĝos poste kaj la ontoj manĝas nun. Unu homgrupo atakis la alian: La antoj uzis bastonojn kaj la atoj ne povis sin defendi. Kelkaj specoj de elefantoj ne plu ekzistas; la intoj estis pli grandaj ol la antoj.

Marcel Leereveld.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

EsperantoTV ofte pete uzas Esperanto-domon por kunvenoj kaj fari filmojn ktp.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

## River Lights

**Sabato 11 Oktobro 14** Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston? Demandas Andrew Spannenberg Sendu mesaĝon al A.E. kaj mi plusendos ĝin, Roger

Jen bildo trovita en Fejsbuko. Amike, Nicole

Lernado de Lingvoj




## 87a SAT-Kongreso – Esperanto




Jen filmeto pri la ĉi jara SAT kongreso kiu okazis en Dinano, Francio.
Almenaŭ 2 aŭstralianoj partoprenis: Bernie Heinze kaj Franciska Toubale.
https://www.youtube.com/watch?v=ZmrE4MUzBo0 Amike Nicole

# El Adelajdo

Sabaton, la 30-an de aŭgusto, 9-membra grupo ekskursis tra Port Adelaide, sekvante la spurojn de aborigenoj.

La programon preparis Libby Mortimer. Amike Katja Steele







# Esperanto Klaso ĉe Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 28an de septembro je la 12a ptm. **Ĉiuj alvenantoj estos bonvenaj.**

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

2014-09-04 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (04/09/2014) ĉeestis Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

* KOMPANIO > ASOCIO

Ĉu ni ankoraŭ estas kompanio? Ni baldaŭ finos la proceduron por ĉesi esti kompanio

* FINANCA RAPORTO

Heather estas kunmetanta ĝin nuntempe. Ni aldonos ĝin al la venonta ESK kaj ankaŭ al AE. Dum la venontaj du semajnoj.

* ELEKTADO DE NOVA ESTRARO

15-a de septembro: anonco de la balotado (membroj ricevos leteron) 06-a de oktobro: Limdato por kandidatiĝo 13-a de oktobro: Ricevado de la balotformo 31-a de oktobro: Limdato por la resendo de la balotpaperoj 07-a de novembro: Anonco de la nova estraro

* VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO

Instruistoj: Rikardo, Trevor, Ilia

Bankedo: Heather esploras, verŝajne jam vendrede Antaŭkongresaj ekskursoj: Indrani ŝatas la ideon

* RETEJO

Jonathan proponis ke ni transigu nian retejon al “Netregistry”. Heather havos alian konsultadon kun Jim

* PAGO AL ESPERANTO TV

AEA pagos $3000 kiel kontribuon al iStream

* ARKIVOJ

AEA decidis finance kontribui al EFNSK por la pliaj kostoj

* ESK

Ni bezonas pli da kontribuaĵoj por la venonta ESK. BV kontaktu nin kun via kontribuaĵoj

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 18-an de septembro, je la 17:00 (16:30)

Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

## Se vi ne sendas novaĵon, mi ne povas informi la legantojn.

La novaĵletero bezonas helpon por esti vere novaĵletero por Aŭstralio.
Mi petas vin sendi Aŭstralian novaĵon al AE. Sendu kopiojn de la Esperanto-novaĵoj kiujn vi metas sur sociaj paĝoj. Multobligu viajn legantojn kun malmulte da laboro.



★★★★★

La Novaĵletero konsumadas multegajn novaĵojn ĉiun semajnon.
Helpu manĝigi ĝin. Helpu la Esperanto-movadon de Aŭstralio. (kaj la mondo?)
Oni ŝatas bonajn fotojn kaj eĉ kun malmulte da informo.
Skribu!



★★★★★



Skribu pri spertoj kun la Esperanto Pocket Textbook.
Kunmetu ĝin. Legu ĝin. Diskonigu Esperanton per ĝi.
Donu konsilojn kiel efike uzi ĝin.




★★★★★

Proponu aliajn agojn kiujn vi mem faris sukcese aŭ esperante sukceson



# PENSU! INFORMU! AGU!

**Roger Springer**

## Vortoj de "Lernu"

OPONI
Esprimi opinion kontraŭan al la opinio de iu alia kaj peni, ke tiu ne povu efektivigi la sian:
Mi ne ŝatas tiun hundon kaj oponas kontraŭ ĝia restado ĉe ni.
Via oponado al ŝia partopreno en la festo estas senbaza.
Ĉio, kion diris la oponanto, estis vero.
Mia oponanto en la ludo estis sufiĉe forta.
Mia propono estis senopone akceptita.

BRODI
Ornami teksaĵon per fadenoj, variigante la desegnon per diversaj kudreroj:
Antaŭe homoj brodis monogramojn sur naztukoj.
Unu el miaj ŝatokupoj estas brodado.
En la muzeo ni vidis multajn belajn brodaĵojn.
En la vilaĝo loĝas kelkaj bonaj brodistinoj.
Ekzistas kelkaj specoj de brodado: tajlobrodado, tamburbrodado kaj teksobrodado.